# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO

NOVEMBRE-DECEMBRE

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

**1949**
**- n° 6 -**

Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto : —— Voor alle inlichtingen over Esperanto :

—— 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento) ——

## DE MALNOVA AL NOVA JARO

Jaro finiĝas. Nova baldaŭ komenciĝos. Rapida trarigardo malantaŭe montras ke nia Belga movado daŭre revekiĝas post la dummilita stagnado. [illegible] tiantoj venas al ni, kiuj baldaŭ siavice fariĝos viglaj batalantoj.

Nia nacia Kongreso okazinta en Bruĝo, certe estis la plej bela el ĉiuj postmilitaj. Tion ni ŝuldas al la sindonemo de niaj Bruĝaj samideanoj. Sendube la venonta kongreso, kiu okazos en Spa, en regiono speciale alloga laŭ turisma vidpunkto, estos inda je sia antaŭulo.

Sur la internacia kampo, ni memoru pri la Internacia Kongreso en Bournemouth. Ĉiuj kiuj ĝin travivis aliĝos al la sekvonta, kiu okazos en Parizo. Multaj aliaj Belgaj esperantistaj sendube deziros profiti la proksimecon de internacia kongreso okazanta en la ĉiam alloga Lum-urbo.

Sed la preparo de tiuj kongresoj kaj ilia ĉeesto ne estas nia nura tasko por la venonta jaro.

Ni intencas pliintensigi nian propagandon, disvolvigi la gazetaran servon, kiun ni revekigis dum la nuna jaro. Ni ankaŭ uzos aliajn propagandajn metodojn, sed ni ne forgesu ke la persona propagando estas la plej efika.

Por efektivigi ĉion tion, ni bezonas la helpon de ĉiu Esperantisto. Ĉiu faru propagandon inter siaj amikoj kaj konatuloj.

Ĉiu kiu estas preta preni sur sin parton, eĉ malgrandan de niaj taskoj, sin konigu al ni. Kaj precipe, ĉiu bonvolu akurate repagi sian kotizon, laŭ maniero indikata sur la lasta paĝo de tiu-ĉi gazeto.

Al ĉiuj antaŭan dankon ! K.

## ESPERANTO KAJ RADIO

Ne forgesu ke la radio-dissendoj en Esperanto estas potenca helpilo por la propagando de la lingvo. Tiuj dissendoj estos daŭrigataj nur se sufiĉa nombro da aŭskultantoj sin konigas, skribante al la dissendstacioj. Faru vian devon !

Ni atentigas vin ke la Esperanto dissendoj de la franca radio estas nun aŭdeblaj sur ondlongeco 48 m. ĉiutage de 18.15 ĝis 18.30 h. La nova ondlongeco estas pli oportuna, almenaŭ laŭ nia propra sperto.

Pola Radio informis nin ke la Esperanto-dissendoj okazas ĉiumerkrede de 20.15 ĝis 20.30 h. sur ondlongeco 48 m.

Artikels in 't Vlaams en in 't Frans, blz. 48 en 49.
Articles en français et en flamand, pp. 49 et 48.

Kompletan programon de la radio-dissendoj en Esperanto regule aperas en « Le Moustique » kaj en « Humoradio ».

Aŭskultu la esperanto-dissendojn kaj skribu al la radio-stacioj !

## INTERNACIA KRONIKO

Admirinde la lingvo Esperanto konserviĝis sendifekta malgraŭ iuj provoj de teoriistoj, kiuj ŝatis sian teorion pli ol la antaŭeniron de internacia helpa lingvo. Esperanto tiel bone konserviĝis ke ĝia unuatempa literaturo estas ankoraŭ aktuala. Ĝi restis tute Zamenhofa, dank' al la sagaceco kaj al la energio de sia Akademio, en kiu la naciaj lingvoj havas delegitojn.

La membroj de Belga Ligo Esperantista, kies nomo estas en jarlibroj ricevis el Usono cirkulerojn per kiuj ilia aŭtoro, S-ro Kubacki, rekomendegas gravajn ŝanĝojn en la alfabeto de Esperanto. Tiaj ŝanĝoj nuligus la antaŭan literaturon de Esperanto. La Norvega Esperantista Ligo, kies prezidanto estos S-ro Stφp-Bowitz, akademiano, rekomendas fidelecon al la Fundamento de Esperanto, ĝi konstatas ke la klopodoj de S-ro Kubacki povas nur disigi la fortojn de la Esperanto-Movado; ĝi rekomendas al la Esperantistaro tutmonda malaprobi liajn proponojn; kaj admonas lin, por la utilo de la internacilingva movado, ke li tuj ĉesigu sian subfosan agadon.

Estas necesege ke la esperantistoj montru al la skeptika publiko, per sia kompetenteco en la uzo de Esperanto por ĉoloj fakaj (profesiaj, artaj, instruadaj, sciencaj...) ke la helpa lingvo tute taŭgas por ĉiuj servoj.

Je tiu vidpunkto ŝajnas al ni utile atentigi niajn samideanojn pri novaperintaj gravaj libroj :

« Somera Universitato, Malmö 1949 » : tiu cent-okpaĝa libro enhavas paroladojn de dek eminentaj profesoroj kaj akademiano, pri : La laponoj kiel kultura popolo; la Kimraj artofestoj; el la mirinda naturo; astronomiaj sensacioj; ĉefprincipoj de la nuna internacia juro; el la fronto kontraŭ la malamikoj de la kulturplantoj; pri la Sveda koopera movado; du svedaj humoristoj kaj unu Hungara.

« Maŝinoj, Mono, kaj Mondpaco », eldonata de The Social Credit C° Ordinating Centre, Nottingham, England.

La Internacia Scienca Asocio Esperantista, kiu ekzistis antaŭ la milito, estas restarigita. Ĝia oficiala organo, « Scienca Revuo », okdekpaĝa jam aperis trifoje dum tiu ĉi jaro. Ni varme konsilas al ĉiuj esperantistoj scienculoj fariĝi anoj de I.S.A.E., kies efiko al la klera publiko povas esti grava por la antaŭeniro de la esperanta movado, kiun ĉiu el ni devas helpi laŭ sia kompetenteco.

En Germanujo la Esperanta Movado vigle restariĝas; Esperanto-Institut en München eldonis novan « Esperanto Schnell-Kurs ». C. V.

## NOV-ZELANDO

La 29an de Oktobro 1949, antaŭ 10 membroj de la Karoloreĝa Esperantista Grupo, oni prezentis la filmstrion pri Nov-Zelando kiun pruntedonis al Belga Ligo la Nov-Zelanda Fako por turisma kaj saniga vizitadejoj.

S-ro Pierre Paulus klarigis la lumbildojn legante la longan kaj tre interesan tekston kiu akompanis la filmstrion.

La ĉeestantoj multe ĝuis tiun distraĵon kiu daŭris 1 ½ horon. Ili opiniis ke la prezentado de tempo al tempo de tiaspecaj filmstrioj multe helpus al varbado de novaj membroj.

La filmstrio estos disponigata al ĉiu membro de B. L. E. kiu deziras ĝin uzi por paroladoj. P. P.

## 34a BELGA NACIA KONGRESO

Pentekosto 1950.

Ni multe esperas ke ni povos presigi la grandajn liniojn de la programo en nia estonta numero. Jam 54 personoj enskribiĝis. Estas konsilinde ke la partoprenontoj aliĝu kiel eble plej rapide, ĝirante sian kotizon (50 frankojn) sur la poŝtĉekkonton de Belga Ligo 1337.67.

---

## 35a UNIVERSALA ESPERANTO KONGRESO

Parizo, 5-12 de Aŭgusto 1950.

La provizora programo de la Kongreso estas tre alloga :

La kongresejo estos la granda amfiteatro de « Sorbonne », fama centro klereca; dum la kongreso estos tie poŝtoficejo. La tradicia balo okazos en la admirindaj salonoj de « Hotel Continental ».

La somera Universitato okazos en « Sorbonne ». Dum kongresaj kaj postkongresaj ekskursoj estos organizataj al diversaj partoj de Francujo.

La francaj fervojoj donos al la kongresanoj individuan rabaton de 20 %, aŭ kolektivan rabaton de 30 %.

Estos zorgate, pere de agentejo Cook, pri ĉambroj en bonaj hoteloj, laŭ la ĝusta prezo aprobita de la Pariza Prefektejo, pri kolektiva loĝado en liceoj, aŭ eĉ pri loĝado sub tendo, por kongresanoj, kiuj tion preferus.

Niaj legantoj trovos aliĝilon kun tiu ĉi numero. Ni tre konsilas al ili ke ili tuj aliĝu por ĝui la favorajn kondiĉojn rilate al kotizoj, valorantaj ĝis 31.12.1949.

Ili do plenigu la aliĝilon kaj sendu ĝin al Belga Ligo Esperantista, 19, avenue Montjoie, Bruxelles, kiu kolektos ilin. La monon ili pagu sur la poŝtĉekkonto de Belga Ligo Esperantista 1337.67 laŭ la sekvanta tarifo valora ĝis 31.12.1949 :

| | |
|---|---|
| Kongresano ... ... ... ... ... ... ... | 200 belgaj frankoj. |
| Edzino de kongresano ... ... ... ... ... | 100 belgaj frankoj. |
| Gejunuloj, ne pli ol dudekjaraj ... ... ... | 40 belgaj frankoj. |

De la 1a de Januaro 1950, ĝis la 31a de Marto, la tarifo estos :

| | |
|---|---|
| Kongresano ... ... ... ... ... ... ... ... | 240 belgaj frankoj. |
| Edzino de kongresano ... ... ... ... ... | 120 belgaj frankoj. |
| Gejunuloj... ... ... ... ... ... ... ... ... | 48 belgaj frankoj. |

---

## NACIA UNUIĜO DE PLENÆRAJ KLUBOJ

Ĉiujare, la Internacia Federacio de la kampad-amatoroj organizas kongreson. En 1949, ĝi okazis en Fontainebleau (Francujo) kaj en 1950 ĝi estos organizata en nia lando, apud la loko kie okazos nia nacia kongreso de Esperanto. (Lago de Warfaaz, ĉe Spa.) Estas domaĝe ke la du manifestadoj ne okazos samtempe.

Tamen, tre interesa iniciato estas notinda : dank' al la klopodoj de S-ro Joly por Francujo, de S-ro Ducommun por Svisujo kaj de S-ro Henrion (sekretario de la nacia unuiĝo de la kluboj de amatoroj de distrajoj en plena aero), la « Royal Camping Club de Belgique » kiu devas organizi la kongreson en 1950 decidis aranĝi Esperanto-kurson por siaj membroj.

S-ro Henrion klopodos por ke ĉiuj alvokoj kiuj koncernas diversajn grupojn eksterlandajn estu farataj esperante per radio.

Ni gratulas la « Royal Camping Club de Belgique » por ĝia iniciato kaj S-ron Henrion por lia agado rilate al enkonduko de Esperanto en tiu medio.

# LA LANGUE AUXILIAIRE AU SERVICE DES SCIENCES ET DES TECHNIQUES

Le développement des relations intellectuelles internationales, qui a pris tant d'importance ces dernières années, fait de plus en plus sentir le besoin d'une langue auxiliaire internationale. La documentation technique est un des problèmes les plus urgents, mais c'est, en même temps, un problème très complexe, car le développement qu'ont pris la science et la technique contemporaines a obligé les chercheurs à se spécialiser et, pour acquérir la connaissance complète de leur spécialité, ils doivent se tenir au courant des travaux de tous ceux qui y travaillent dans tous les pays du monde.

Des efforts considérables ont été faits dans ce sens. Les travaux les plus importants sont, en général, traduits dans les langues les plus répandues, mais cela fait encore trois ou quatre langues à connaître au moins pour la lecture. Il existe dans de nombreux pays des revues spéciales qui contiennent des résumés des principaux articles parus dans la presse technique mondiale et des bibliographies, mais la diversité des langues rend très difficile l'établissement de ces revues, et les erreurs possibles sont nombreuses, car les traducteurs ne peuvent pas être d'une technicité universelle. Il serait bien préférable que les résumés SOIENT FAITS PAR LES AUTEURS EUX-MEMES dans une langue auxiliaire internationale, les bibliographies paraissant également dans cette langue.

Au moyen âge, le latin était la langue internationale des savants. A l'heure actuelle, il n'y a plus aucun savant qui écrive en latin, ni aucun jeune homme qui puisse aller suivre à l'étranger des cours professés en latin. Si dans les universités de tous les pays des cours pour étrangers étaient faits en langue auxiliaire internationale, l'énorme travail préliminaire d'étude des langues étrangères n'existerait plus et rien n'arrêterait plus la jeunesse pour aller suivre les leçons des grands maitres. Ces maitres eux-mêmes pourraient aller faire connaître leurs travaux à l'étranger.

Que dire des congrès internationaux qui cherchent à mettre de temps à autre en contact des spécialistes de tous les pays, pour étudier et résoudre dans le cadre international les problèmes qui font l'objet de leurs travaux ? Les communications peuvent, en général, être faites en trois ou quatre langues officielles, ce qui rend les discussions pratiquement impossibles, car un petit nombre seulement des assistants peuvent y prendre part, qui ne sont pas forcément les plus qualifiés. Les traductions nécessaires rendent ces discussions fastidieuses et interminables.

Il faut avoir assisté à l'un des trente-quatre CONGRES UNIVERSELS D'ESPERANTO, qui ont eu lieu depuis 1905 et où, en général, une trentaine de nations sont représentées, pour comprendre tout l'avantage que peut présenter l'adoption de la langue universelle comme langue officielle dans un congrès.

En ce qui concerne la documentation scientifique dont il est question plus haut, il est encore à remarquer que les termes scientifiques utilisés dans les différentes langues ne correspondent pas toujours. Deux mots qui, dans leurs langues, semblent être la traduction l'un de l'autre, ne désignent pas toujours le même phénomène. Ces différences sont une grave cause d'erreurs et de malentendus. Pour donner une définition rigoureuse, il faut d'abord une entente sur la signification des mots courants à employer.

Il est donc nécessaire, comme dans les mesures scientifiques, de posséder un véritable « étalon » linguistique aussi parfait que possible. Seule la langue auxiliaire internationale, PARFAITEMENT LOGIQUE comme l'Esperanto, peut

constituer cet étalon, car aucune langue vivante ou morte ne remplit les conditions nécessaires.

(Résumé d'un article de M. Emile François, dans l'*Essor de l'Esperanto en France*, quatrième trimestre de 1949.)

# 35-a Universala Kongreso de Esperanto

Parizo — 5-12 Aŭgusto 1950

Kongresoficejo : 62, Avenue de Clichy, Paris 18, France

## ALIĜILO

Mi aliĝas al la 35-a Universala Kongreso de Esperanto kaj

kunsendas .......... francajn frankojn laŭ detaloj dorsflanke.

Familia nomo (1) S-ro, S-ino, F-ino ..........

Antaŭnomo (1) ..........

Profesio (precize difinita) (2) ..........

..........

Nacieco (2) ..........

Strato kaj numero (1) ..........

Urbo (kaj provinco) (1) ..........

Lando (2) ..........

Dato .......... Subskribo ..........

(1) En nacia lingvo. — (2) En Esperanto.

VIDU DORSFLANKE
SKRIBU KLARE
se eble per skribmaŝino

LA LANGUE AUXILIAIRE
AU SERVICE DES SCIENCES ET DES TECHNIQUES

Le développement des relations intellectuelles internationales, qui a pris

## KONGRES-KOTIZOJ

| | ĝis 31 Dec. 1949 | ĝis 31 Marto 1950 | Post 31 Marto 1950 |
|---|---|---|---|
| Kongresano ......... Fr. fr. | 1.500 | 1.800 | 2.000 |
| Edzino de Kongresano ....... | 750 | 900 | 1.000 |
| Gejunuloj ne pli ol dudekjaraj .. | 300 | 400 | 500 |

Subtenantoj .................... minimume : 1.000 fr.

## PAGOJ SENDATAJ

| | |
|---|---|
| Por kongresa karto ......................... Fr. fr. | ........ |
| Por edzino ................................ | ........ |
| Por junuloj ................................ | ........ |
| Donaco al la kongresa kaso .................... | ........ |
| Donaco al la blindula kaso .................... | ........ |
| Sumo .......................... | ........ |

Estas akceptataj ĉiuj pagiloj ŝanĝeblaj en banko, poŝtmandatoj, k.t.p. Francoj prefere uzu la konton de poŝtĉekoj : 35° Congrès Universel d'Espéranto, Paris N° 3208-57.

## SPECIALA INTERESO

Mi interesiĝas pri ..................... (ekz. serĉadoj en sciencaj, beletraj, artaj fakoj, ŝakludo, sporto — precizigi la sporton, k.t.p.).

.......................................................................................

Vegetarano (jes aŭ ne) ........................

Antaŭnomo de edzino aŭ edzo ....................

Antaŭnomoj de gejunuloj ......................

constituer cet étalon, car aucune langue vivante ou morte ne remplit les conditions nécessaires.

(Résumé d'un article de M. Emile François, dans *l'Essor de l'Esperanto en France*, quatrième trimestre de 1949.)

---

## EXCELSIOR

Het Esperanto, dat uit een gedachte van vrede en verbroedering is geboren, moest natuurlijk tot dit zelfde gevoel terug keren zo er een innig iets, een hart, een ziel, in die taal zat. En wezenlijk is het zo gebeurd.

Esperanto werd uitgevonden, niet door een droog geleerde, die oude teksten had gelezen, paradigmen van dode talen had leren vervoegen en met vergrootglas en snijmes de talen had ontleed. Neen, Zamenhof was een soort overmens, met een bepaald doel, met een ideaal, waarvan hij van in zijn prilste jeugd gedroomd had. Hij wou de volkeren bijeen brengen; tussen lieden verschillend van taal, ras en godsdienst een broederbond van gedachten en gevoelens doen ontstaan, dien hij mogelijk en wenselijk achtte. Hij heeft de macht van de taal op de gevoelens ener menigte begrepen. En daarom heeft hij dien broederband, die hij tussen de volkeren stichten wilde, als grondsteen een onzijdige taal gegeven : het Esperanto. Op de onzijdige basis van het Esperantisme zijn duizenden en nog duizenden mensen van alle rang, stand, nationaliteit, godsdienst, enz., die voorheen vreemd van elkander bleven en totaal buiten het internationaal leven stonden, met elkaar in betrekking gesteld. Zij hebben elkaar leren kennen, schatten, en genegenheid toegedragen; zij hebben hun gezichteinder zien verbreden en de kring hunner belangen en hunner kennissen zien groter worden, zonder in de verste verte iets te moeten prijs geven van hun moedertaal, hun godsdienst, hun vaderlandsliefde.

Ja, hij die 't Esperanto uitvond en de wereld inzond, het als gemeenschappelijk goed aan iedereen afstond die het maar gebruiken wilde, en al zijn rechten van uitvinder prijs gaf, was een ideale mens, een mens met een hart, een mens met een geest, een man met een ziel. De driedubbele kroon van geleerde, van dichter en van philanthroop kon geen waardiger hoofd tooien dan dit van tevens zo nederige Dokter Zamenhof.

Op het eerste Esperanto-Congres, te Boulogne-aan-Zee (1905), bij het slot zijner openingsrede, uitte Zamenhof zijn gevoelens door het dichtstuk « **Preĝo sub la verda standardo** — Gebed onder de groene standaard », waarvan men hierna enige verzen zal vinden :

**Al vi, kiun ĉiuj malsame prezentas,**
Tot U, welke alle mensen zich verschillend voorstellen,
**Sed ĉiuj egale en koro vin sentas,**
Maar welke allen op gelijke wijze in hun harte voelen,
**Al vi, kiu kreas, al vi, kiu reĝas,**
Tot U die schept, tot U die heerst,
**Hodiaŭ ni preĝas.**
Sturen wij thans onze bede.
**Homaron vi kreis perfekte kaj bele,**
Volmaakt en schoon hebt Gij het mensdom geschapen,
**Sed ĝi sin dividis batale;**
Maar het verdeelde zich al strijdende;
**Popolo popolon atakas kruele,**
Een volk valt wreedaardig een volk aan,
**Frat' fraton atakas ŝakale.**
De broeder als een tijger valt zijn broeder aan.

**Ho, kiu ajn estas vi, forto mistera,**
Ho, wie Gij ook zijn moogt, heimvolle macht,
**Aŭskultu la voĉon de l' preĝo sincera,**
Verhoor toch de stemme van ons innige bidden,
**Redonu la pacon al la infanaro**
Hergeef de vrede aan de kinderen
**De l'granda homaro.**
Van de grote mensheid.

(Uittreksel uit *Brokken uit de Geschiedenis der wereldtaal*, van O. Van Schoor.)

---

## BELGA KRONIKO

BRUSELA GRUPO. — La 22an de Oktobro okazis la jara festeno de Esperantista Brusela Grupo. Ĝin ĉeestis 36 personoj, plejparte el Bruselo. El Antverpeno venis 10 samideanoj, inter ili S-ino Schoofs, S-ro Jaumotte kun sia familio, kaj S-ino Chomette, loĝanta nuntempe en Los Angeles.

Amika atmosfero regis dum la festeno, kiu estis organizita honore al S-ino J. Plyson, de longaj jaroj kasistino de Brusela Grupo, kiu nun ankaŭ prizorgas la financojn de Belga Ligo.

Je la deserto, paroladoj estis eldiritaj de S-ro Castel, vic-prezidanto de Brusela Grupo, D-ro Kempeneers, prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj de Brusela Grupo, kaj de S-ro Jaumotte, vic-prezidanto de Reĝa Belga Ligo Esperantista. Ĉiuj esprimis sian simpation al la sindona esperantistino, kiu senlace laboras por la prospero de niaj organizaĵoj kaj dankis ŝin pro la faritaj klopodoj.

Bela memoraĵo estis transdonata al S-ino Plyson, kiu siavice dankis per kelkaj trafaj kaj emociplenaj vortoj.

Fine disiĝis la kunfestintoj promesante sin retrovi en Antverpeno, je la festeno kiun preparas « Verda Stelo ».

*Programo de la renontaj kunsidoj.* — Ejo : Brasserie Saint-Martin, place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein, ĉiulunde ĉe la 20a.

Decembro 1949. — La 5an, parolata ĵurnalo; la 12an, je 19.30 h., S-ro Van der Stempel gvidos perfektigan kurson; je 20.15, Zamenhofa vespero, enkonduko de D-ro Kempeneers, legado de teatraĵo « George Dandin » kun S-inoj Elly Staes, Sengel kaj Stern, S-roj Castel, Sengel, Verdier kaj Hart; la 19an, S-ro L'Host, « Promenado tra la prahistorio »; la 26an, Nov-Zelando, filmprezentado de S-ro Verdier.

Januaro 1950. — La 2an, novjara libertempo, ne okazos kunveno; la 9an, je 19.30 h., S-ro Van der Stempel gvidos perfektigan kurson; je 20.15, parolata ĵurnalo; la 16an, S-ro Castel, « Hinaĵoj »; la 23an, ĝenerala kunsido, parolado de la Prezidanto, raportoj de la Sekretariino kaj de la Kasistino, elektoj; la 30an, S-ro Van der Stempel, « Atoma energio ».

Februaro. — La 6an, parolata ĵurnalo; la 13an, je la 19.30 h., S-ro Van der Stempel gvidos perfektigan kurson; je 20.15, S-ino Sengel, « Ni verkos romanon »; la 20an, S-ino Elly Staes, « Dumvintraj artaj okazintaĵoj »; la 27an, S-ino Lecat, « Baha'ismo ».

Marto. — La 6an, parolata ĵurnalo; la 13an, je 19.30 h., S-ro Van der Stempel gvidos perfektigan kurson; je 20.15, S-ino Ernst gajigos la ĉeestantaron.

---

## ESPERANTISTA KRONIKO

NOVEGUJO. — En lernejo por blinduloj en Trondheim, Esperanto estas deviga fako. Ĝin instruas tie S-ro Karkerud, blinda instruisto.

La norvega ligo por blinduloj komencis dum tiu ĉi somero korespondan kurson en Esperanto.

(*Aŭgot Hekerød*, Oslo, 24-9-1949.)

ANGLUJO. — Dum internacia konferenco de blinduloj okazinta en Oxford la 13an de Aŭgusto 1949, la sekvanta temo estis pritraktata : « La loko de blindulo en la moderna vivo. »

Estis legataj gratulleteroj de S-ro Truman kaj Attlee, de reprezentantoj de U.N.O. kaj de blindaj esperantistoj kuniĝintaj ankaŭ en kongreso en Bournemouth.

La konferenco akceptis la sekvantan decidon : « Konsiderinde ke, en multnombraj landoj Esperanto ligilo estas altŝatata fonto de dokumentado kaj instruo por blinduloj, la konferenco rekomendas tiun revuon kaj esperas ke la amikoj de la blinduloj donos al ĝi sian materian kaj moralan subtenon. (El *La Canne Blanche*, oktobro 1949.)

AŬSTRUJO. — *Tutmonda Adresaro de la Esperantistoj* (T.A.E.) 1950, anoncas sian aperon por la 17a de Aprilo 1950. Limdato por ensendoj 15a de Marto 1950.

Kotizoj : enpreso de la adreso kun eventuala 5vorta anonceto : 2 internaciaj respondkuponoj. Por pli longaj anoncoj po 1 plia respondkupono por ĉiuj pliaj 5 vortoj. Mendo de la adresaro : 10 respondkuponoj.

Sendu tuj viajn mendojn kaj respondkuponojn al Internacia Esperanto Muzeo, 1, Hofburg, Batthyanystiege, Wien, Aŭstrujo.

*Internacia Esperanto Muzeo*, 1, Hofburg, Batthyanystiege, Wien, Aŭstrujo, kolektas librojn, broŝurojn, gazetojn, flugfoliojn, gvidilojn, insignojn, kongresaĵojn, cirkulerojn pri Esperanto, kaj krome ĉiun materialon pri kiu ajn mondhelplingva sistemo. Posedas nenion post 1938.

Helpu pliriĉigi la Esperanto-Muzeon sendante ĉiun materialon kiun vi ne bezonas kaj kiu povas esti utila al ĝi.

---

## BIBLIOGRAFIO

— *L'Essor de l'Esperanto en France et dans le Monde*, 4paĝa grandformata propaganda gazeto, en franca lingvo. La unua numero (1949) enhavas artikolojn de Jules Julien, Generalo Bastien, Camille Aymonnier, Pierre Petit, Georges Avril, R. Walter kaj Emile François.

Pro sia tre diverstema enhavo, la gazeto estas tre taŭga propagandilo por franclingvanoj. Ĝi estas havebla per pago de po 2 fr. por ĉiu ekzemplero al poŝtĉekkonto 1537.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista, Bruselo.

— *Nederlanda Katoliko*, 11, Viottastraat, Eindhoven (Nederlando) presigis telefon-nomliston kun propagando por Esperanto en nacia lingvo, sur mezdika blanka kartono kun verda impreso kaj verda stelo. Prezo : 5 ekz. por 1 respondkupono.

---

## ANONCETOJ

— S-ro M. OTCENASEK, Joselov 178, Ĉeĥoslovakujo, deziras interŝanĝi poŝtkartojn, filatele afrankitajn leterojn, poŝtmarkojn, gazetojn, k.t.p.

— S-ro Vl. KUSNIRENKO, Josefov 130, Jaromer II, Ĉeĥoslovakujo, deziras interŝanĝi poŝtkartojn, leterojn, poŝtmarkojn, gazetojn, k.t.p.

— S-ro P. AMYE, Esperanto Grupo c/o Touring Club de France, 65, avenue de la Grande Armée, Paris (Francujo), petas gekorespondantojn por siaj gelernantoj.

— S-ro H. ASANUMA, 55, Matsumoto, Mizudo, Amagasaki, Hyogo, Japanujo, deziras korespondi pri diversaj temoj.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenue Montjoie, Bruselo.
*Vic-prezidantoj* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenue De Bruyn, Wilrijck-Antwerpen
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Ĝenerala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... ... . . ... fr 80

— *Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... ... 40

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :

a) *Membro kun Jarlibro* :
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 115

b) *Membro Abonanto* :
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... ... 170

c) *Membro Subtenanto* :
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18, rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98